# PRI LA LABORPLANO

IFEF havas laborplanon por la jaroj 2011-2014, en kiu la estraro kaj la komitato de IFEF decidis konkretajn farendaĵojn laŭ la strategia laborplano de UEA. La estraro de IFEF dum la aŭtuna estrarkunsido taksis la ĝisnunajn efektiviĝojn de la taskoj de la laborplano.

En la kadro de la taskoj de IFEF la estraro ekzamenis tri gravajn temojn:
*Levi la prestiĝon de la internacia lingvo Esperanto*.
IFEF-estraro kontinue instigas la landajn asociojn por aranĝi diversnivelajn lingvokursojn, progresigas kaj subtenas la fakan kaj terminaran laborojn. En tiu kadro dum la lastaj du jaroj altiĝis la nombro de la lingvokursoj kaj diversaj staĝoj, eĉ dum la lasta 64-a IFK en Herzberg okazis seminario helpe de ILEI.
*Fortigi la kunlaboron kun instancoj kaj Esperanto-organizoj.*
IFEF havas bonan rilaton kun UEA, FISAIC, SAT kaj aliaj Esperanto-organizaĵoj, eĉ IFEF havas kunlaboran interkonsenton kun la medicinistoj (UMEA) kaj kun la sciencistoj (ISAE), kaj en la lasta IFK nia Federacio faris kunlaboran interkonsenton ankaŭ kun ILEI.
*Plilarĝigi la informadon kaj la organizan laboron.*
IFEF regule eldonas la fakan revuon „Internacia Fervojisto", preskaŭ ĉiuj landaj asocioj aperigas propran organon aŭ periodaĵon. En la lastaj jaroj ni renovigis la retpaĝon kaj ni establis retan liston pri la membraro de IFEF. Kelkaj landaj asocioj regule aranĝas ekspoziciojn pri la fervojista Esperanto-movado, IFEF ĉiujare organizas kongreson, en kies kadro la partoprenantoj ricevas detalajn sciigojn pri la movadaj kaj fakaj agadoj.

Jen kelkaj gravaj antaŭpaŝoj laŭ nia „gvidfadeno". Mi esperas, ke ankaŭ la Fake Aplika kaj la Terminara Sekcioj de la Faka Komisiono, eĉ mem la landaj asocioj de IFEF plenumas la entreprenitajn faritaĵojn en la laborplanoj, kaj dum la sekva IFEF-kongreso ili raportos pri tio.

**István Gulyás**

**Frontpaĝo:**
43 metrojn alta kolono "Monument aux Girondins" en Bordozo

## Enhavo:

# BORDOZO, LA KONGRESURBO DE LA 65-a IFK

La urbo tutmonde estas konata pro siaj vinoj. Bordozo najbaras al Artigues-près-Bordeaux (laŭvorte: Artigues-ĉe-Bordozo). Pro sia situo sud-okcidente de Francio Bordozo estas grava komunika nodo de la atlantika franca marbordo: interalie de Parizo kaj norda Eŭropo oni devige traveturas Bordozon por iri al la atlantika hispania marbordo. Bordozo estas ligita per rektaj trajnoj (ĉefe grandrapidaj trajnoj TGV) al aliaj malproksimaj grandaj urboj: Parizo (3-hora veturado), Lille (5h15), Bruxelles (6h), Strasbourg (6h45), Nice (9h). Funkcias ankaŭ flughaveno "Bordeaux-Mérignac", kiu situas 10 kilometrojn de la urbocentro kun kelkaj internaciaj flug-eblecoj, ĉefe al/el Eŭropo (Amsterdam, Prago, Vieno, Italio,...).



*Stacidomo de Bordozo*

La urbo situas ĉe la limo de la pin-regiono "Landes" kaj ĉe la rivero Garono, fine de la estuaro "Gironde" kun haveno, atingebla de mar-ŝipoj: tial la mara komerco grave influis la historion de Bordozo. Kun 237.000 loĝantoj (en jaro 2009) temas laŭ grandeco pri la naŭa urbo de Francio, dum kun la ĉirkaŭaj urboj havas preskaŭ unu milionon da loĝantoj. Notindas, ke la tuta loĝantaro kreskis je 200.000 loĝantoj inter la jaroj 1999-2008, kaj en la lastaj jaroj multaj renovigaj laboroj, kaj ankaŭ refunkciigo de tramoj (ekde 2003) profunde transformis la urbon. Temas pri la 6-a universitata urbo en Francio, akceptanta ĉirkaŭ 80.000 studentojn en siaj universitatoj kaj altlernejoj.

La klimato estas oceana kun tre mildaj vintroj kaj varmaj someroj, kaj ankaŭ kun jara suntempo ofte superanta 2000 horojn. La meza temperaturo en majo estas 15,4 °C.

Por multaj Bordozo estas kvazaŭ ĉefurbo de vino. Ja proksima vasta vitejaro produktas multajn vinojn, el kiuj kelkajn el la plej prestiĝaj en la mondo. Temas pri 14.000 vin-produktantoj, 117.514 vit-hektaroj kaj 400 negocistoj kun spezo-sumo de 14,5 miliardoj da eŭroj. La jara produktado atingas 700 milionojn da boteloj, kvankam nuntempe la regionan vitejaron trafas relativa krizo pro internacia konkurenco kaj malkresko de la prezoj.



*Ŝtonponto en Bordozo*

Bordozo plu restas ankaŭ industria urbo kun 28.000 salajruloj (la plej grava dunganto estas la usona aŭtomobil-fabriko “Ford Aquitaine Industrie”). Kvankam en la lastaj jaroj la loka industrio suferis, ĝi refoje fariĝis bonfarta per avangarda industrio kaj novaj teknologioj, interalie aeronaŭtiko. Plu restas petrol-kemiaj kaj farmaciaj industrioj kaj ankaŭ agro-nutraĵa industrio, aparte pri alkoholaĵoj. La servo-sektoro tamen estas plej grava (ĉirkaŭ 80% de la laborforto), interalie pro koncentrado de servoj rilataj al entreprenoj.

Menciendas ankaŭ la ŝip-konstrua entreprenaro kun granda marhaveno, kiu ĉiujare akceptas 1.600 ŝipojn kaj pritraktas 9 milionojn da tunoj. Anekdote, la haveno akeptas la pecegojn de la A380-aviadilo, kiuj poste plu veturas al Toulouse.

La turismo pli kaj pli kreskas: Bordozon ĉiujare vizitas 2,5 milionoj da personoj. Post Parizo ĝi estas la dua urbo en Francio kun oficiale plej multaj historiaj monumentoj. Depost jaro 2007 la havena kvartalo, nomita “La Haveno de la Luno” pro la tiea formo de la rivero Garono, enestas en la Unesko-listo de mondaj heredaĵoj. En tiu listo troveblas ankaŭ la gotik-stila katedralo Saint-André, la baziliko Saint-Michel (flamgotika stilo) kaj la baziliko Saint-Seurin. Krom ili la abateja preĝejo Sainte-Croix (romanika stilo) kaj la preĝejo Saint-Paul (baroka stilo) estas en la listo de naciaj historiaj monumentoj. Pro ĉio tio, cele protekti la aspekton de la historiaj kvartaloj (unu el la plej vastaj areoj en Francio: 150 hektaroj), la tramlinio tie estas konstruita sen katenario kun elektroprovizo el la grundo.

Ekstere promenante la vizitantoj nepre vizitu ankaŭ kelkajn el la ĉefaj belaj lokoj de Bordozo:

— La esplanado de la “Quinconces” kun sia 43 metrojn alta kolono (“Monument aux Girondins”) estas la plej vasta en Eŭropo (126.000 m²).

— La Granda Teatro, inaŭgurita en 1780, ankaŭ ĝi estas en la listo de la naciaj historiaj monumentoj. Ĝi estas 88 metrojn longa kaj 47 metrojn larĝa, estas konsiderata kiel unu el la plej belaj teatroj en Francio.

— La “Pont de Pierre” (la ŝton-ponto) estas konstruita laŭ ordono de Napoleono la I-a inter 1810 kaj 1822, ĝi longas 486 metrojn kaj larĝas 19 metrojn. Dum 150 jaroj, ĝis jaro 1965 ĝi estis la ununura ponto en Bordozo.

— La placo de la Borso: borde de la rivero Garono, ĝi estis la unua breĉo en la

mezepokaj remparoj. Tiu placo estas unu el la publikaj areoj, kiu pleje reprezentas la francan klasikan arkitekturon de la 18-a jarcento. Depost 2006 inter ĝi kaj la rivero Garono eblas admiri la plej grandan akvospegulon en la mondo kun grandeco de 3.450 m²: la sistemo aperigas unu post alia aŭ spegul-efikon, aŭ nebul-efikon

— La historia centro situas inter la iamaj muregoj de la urbo, oriente de la rivero Garono.

—Meze de tiu centro laŭ direkto nordo-sudo situas la promenstrato Sainte-Catherine, kiu estas 1.250 metrojn longa, ĉefa komerca strato de Bordozo. Ĝi ligas la placon de la Komedio, kie situas la Granda Teatro al la placo de la Venko, kie troveblas malnovaj universitataj konstruaĵoj. Tiu strato ofte estas prezentata kiel la plej longa en Eŭropo.

Ankaŭ muzeoj ne mankas: tiu pri Akvitanio, kiu evoluis al muzeo pri historio, arkeologio kaj etnografio, kaj ankaŭ tiu pri dekoraciaj artoj, tiu pri Natura Historio, ktp. La muzeo pri belartoj estas unu el la plej malnovaj muzeoj en Francio, kio klarigas la amplekson kaj la diversecon de ĝiaj kolektaĵoj, aparte el la 19-a kaj 20-a jarcentoj.

Tiuj, kiuj trajne alvenas en Bordozon, admiras la vitrotegmenton super la enstacidomaj trakoj: temas pri la plej granda vitrotegmento en Eŭropo kaj tial ankaŭ ĝi estas en listo de la naciaj historiaj monumentoj. Ĝi estas plia kialo aldone al jam multaj, por viziti Bordozon !

**Laurent Vignaud**

# Iom da historio de Bordozo

Pro sia loĝantaro (237 000 loĝantoj) Bordozo (Bordeaux) laŭ grandeco estas la naŭa urbo de Francio. La ekonomia aktiveco rilatas al la komerco de la vino (vinoj de Bordozo), de la alkoholaĵoj, de la agronutraj produktaĵoj, de la elektroniko kaj de la ĥemio. Al tio aldoniĝas bona vojaĝo plibonigita ekde la aŭtuno 1990 pro la ekfunkciigo de la Atlantika T.G.V. Aliparte la kreado de strukturoj, kiel la tutmonda sidejo de la vinoj kaj alkoholaĵoj (Cité mondiale des vins et spiritueux), la ekzisto de imponaj internaciaj ekspozicioj evidentigas la dinamismon elradiantan de la regiona metropolo «Aquitaine», fariĝinta «ĉefa centro» inter Nord-Eŭropo kaj la ibera duoninsulo.

**La dukoj de la regiono «Aquitaine»**

La antikva *Burdigala* (malnova nomo de Bordozo) de la Biturigoj fariĝis prospera urbo sub la romana regado. Visigotoj, araboj, normandoj ekbatalis siavice kontraŭ ĝi. La «bona reĝo» *Dagobert* kreis la dukejon de «Aquitaine», kies ĉefa urbo estis Bordozo. Inter la dukoj de «Aquitaine», la mita *Huon de Bordeaux* plu estas famkonata. Mortiginte sen koni lin, unu el la filoj de la imperiestro *Charlemagne,* li estis kondamnita al ekzilo el la imperio. Post multnombraj aventuroj, *Huon* edziĝis kun la


*Akvo-spegulo*

filino de la emiro de Babilono. Pri tio gesto-kanzono (13-a jarcento) imagdetalis neekspekteblajn mirigaĵojn. Por meriti lian pardonon, *Huon* devis iri al Babilono tondi la barbon de la emiro, elradikigi al li kvar molarojn kaj reporti la tuton al la imperiestro. Tiu bravaĵo sukcesis, dank' al la elforeĝo *Oberon,* ĉarma malgranda eminentulo. Ankoraŭ temas pri la duko *Guillaume Tête d'Etoupe*; lia filino edziniĝis al *Hugues Capet.* Tiamaniere naskiĝis la kapeta dinastio.

**La doto d'Alienor**

En 1137 *Ludoviko,* la filo de la franca reĝo edziĝis kun *Aliéner,* unununra filino de la duko *Guillaume d'Aquitaine,* kiu alportis al li kiel doton, la dukejon de Guyenne kaj diversajn regionojn (Périgord, Limousin, Poitou, Angoumois, Saintonge, Gascogne), la suverenecon sur la regiono Auvergne kaj sur la grafejo de Tuluzo (Toulouse). La geedziĝo okazis en la katedralo de Bordozo.

**La vino «Claret»**

La vito estis enkondukita de la romianoj. Tiu vino nomata «Claret» de la angloj estis tre ŝatata de la dinastio «Plantagenets». Por la kronado-festo milo da bariloj estis malplenigitaj. De tiu epoko la vinbero estas sanktigita tiel: kiu ŝtelas vinber-grapolon havu orelon tranĉitan. La kvalito de la vinoj estis la celo de ĉiuj zorgoj. Ses juraj gustumistoj kontrolis ilin kaj neniu tavernestro licis spili vinbarelon antaŭ ol ricevi permeson post gustumado. La komercistoj praktikintaj la miksadon estis punitaj, same kiel la barelistoj difektintaj la barelojn.

**La ĉefurbo de la Nigra Princo (14-a jarcento)**

Bordozo estas ĉefurbo de la regiono nomata «Guyenne». Pro la angla prononcado «Aquitaine» ĝi fariĝis «Guyenne» kaj tiu nomo postrestis ĝis la revolucio. La urbo rajtis elekti sian urbestron, siajn konsilantojn aŭ jurojn. La komerco ne malprogresis dum la centjara milito. Bordozo daŭrigis sian vineksportadon al Anglio kaj provizis ĉiujn militantojn per armiloj. La Nigra Princo – tiel nomata pro la koloro de sia armaĵo – filo de la angla reĝo *Edouard la III-a* tie starigis sian ĉefkvartalon kaj sian kortegon. Nobeloj kaj juristoj konstruis firmajn hotelojn nomatajn «taules» aŭ «hostaux». La Nigra Princo estis unu el la plej kruelaj rabistoj. El Bordozo li elanis por siaj fruktaj ekspedicioj terurante alterne la regionojn Languedoc, Limousin, Auvergne, Berry kaj Poitou. Trafita de hidropso la angla heredanto mortis sen regi en sia lando krom en Bordozo. En 1453 Bordozo estis definitive rekonkerita de la franca armeo kun tuta


*La Granda Teatro de Bordozo*

Guyenne. Estis la fino de la centjara milito.

**Bordozo de la intendantoj**

La kardinalo *Richelieu* unuavice instalis en la provincoj tiujn altrangajn ŝtatoficistojn de la centra povo, kaj *Colbert* ĝin organizis. Je la 18-a jarcento kurioza batalo komenciĝis inter la intendantoj, interesiĝantaj de malproksime pri la urba administrado kaj la rutinema loĝantaro. Kion oni povis gajni aŭ perdi, tio estis la fizionomio mem de Bordozo. El la praurbo kun mallarĝaj kaj zigzagaj stratoj ĉirkaŭataj de marĉoj, *Claude Boucher,* la markizo de Tourny kaj *Dupre de Saint Maur* faris unu el la plej belaj urboj de Francio kun solidaj ŝtono-konstruaĵoj. La sektoro de la malnova Bordozo entenata inter la kvartalo de Chartrons kaj la kvartalo Saint Michel enhavas proksimume 5.000 konstruaĵojn de la 18-a jarcenta arkitekturo. Tiuepoke aperis la grandiozaj ensembloj konsistantaj el la kajoj, la placo «Bourse», la aleoj de Tourny, la monumentoj kiel la urbodomo, la Granda Teatro, la hotelo de la doganoj, la hotelo de la borso, la plantejoj, la kortoj kaj la publika ĝardeno. Bordozo ekspluatis ĝisfunde la avantaĝojn de sia atlantika situacio kaj fariĝis la unua haveno de la reĝlando.

**La ĝirondanoj**

En la revolucio la bordozaj deputitoj, el kiuj la plej famkonata estis *Vergniaud,* kreis la partion de la ĝirondanoj. Ili akiris la majoritaton okaze de deputo-balotado je la komenco de la konvencio. Kiel ili estis de federaciisma tendenco, la montanoj akuzis ilin de konspiro kontraŭ unueco kaj nedivideblo de la respubliko. Dudek du inter ili estis akuzitaj, kondamnitaj je morto kaj ekzekutitaj.

**La komerca kresko**

Dum la imperio, la ekonomio ne bone funkciis pro la markomerco profunde trafita de la blokado. Poste dum la restaŭracio la komerco floris. La granda ponto el ŝtono, la grandega esplanado de «Quinconces», kiujn la intendantoj ne konstruis pro manko de tempo, datiĝis de tiu epoko. Dum la dua imperio, komerco plukreskis, dank' al la plibonigado de komunikadoj kaj salubrigado de la regiono «Landes». Dum la militoj en 1870, en 1914 kaj en 1940 Bordozo fariĝis rifuĝejo de la franca registaro, tiel pravigante la nomon «tragika ĉefurbo». Post la dua mondmilito la urbo de la 18-a jarcento reakiris la dinamismon de siaj tiamaj ŝipkompanioj, financistoj kaj negocistoj.

Kompilis: **Jean Ripoche**

# ESTRARKUNSIDO DE IFEF EN PARIZO

En la kuranta jaro la aŭtuna estrarkunsido de IFEF okazis la 4-an kaj 5-an de oktobro en la franca ĉefurbo Parizo. Dum la kunsido partoprenis ĉiuj estraranoj, la ĉefkomitatano, la membro de la Redaktora Komisiono Jean Ripoche, kaj parte flanke de FISAIC Anna Abelovská kaj la prezidanto de la UAICF (la franca landa asocio de FISAIC) Georges Wallerand.

La estraro detale traktis 10 tagordpunktojn, kiuj temoj estas gravaj por plibonigi la agadon de IFEF.

Unue la estraro aprobis la protokolon pri la publika komitatkunsido de la 64-a IFEF-kongreso en Herzberg.

Poste la estraranoj ekzamenis la situacion de la preparlaboro de la 65-a IFEF-kongreso, okazonta en la franca urbo Bordozo inter la 4-a kaj 11-a de majo 2013. Laŭ la LKK-anoj la preparlaboro daŭras senprobleme. Dum la lasta komuna LKK-kunsido kun la landa asocio de UEA (UFE) LKK modifis la programon de la kongreso, laŭ tio la ILEI-seminarion ili forigis el la programo. Nur unutaga postkongreso okazos sabate, la 11-an de majo, kiam LKK organizas du tuttagajn ekskursojn.

La estraro traktis la organizajn aferojn. En tiu kadro la estraranoj detale ekzamenis la ĝis nun alvenintajn kongresproponojn fare de la ĉeĥa kaj itala landaj asocioj, la proponojn de la estraro de IFEF, kaj la novan proponon de la ĉeĥa landa asocio. Ĉiuj kvar kongresproponoj enhavas la restadkostojn dum la IFEF-kongresoj por la estraranoj, ĉefkomitatano kaj la gvidanto kaj sekretarioj de la Faka Komisiono.

La estraro traktis la evoluon de la terminara kaj faka agadoj, konfirmis la venontajn IFEF-kongresojn en Francio, poste en Italio, kaj traktis pri la eventualaj landoj de la sekvaj kongresoj.

La kasisto informis la kunsidon pri la ĝenerala situacio de la financaj aferoj.

La estraro konstatis, ke la financa stabileco estas trankviliga, pro tio ne necestas altigi la membrokotizon.



*Georges Wallerand inter la estraranoj*

La estraro traktis la redakciajn aferojn, kaj akceptis la raporton de la redaktoro kaj la membro de la Redaktora Komisiono. La estraro esprimis sian kontentecon pri la enhavo kaj aspekto de la revuo „Internacia Fervojisto”, eĉ pro la eldono de ses numeroj po jare.

La trijara laborplano enhavas konkretajn taskojn por mem la IFEF, por la landaj asocioj, por la komisionoj



*Jindřich Tomíšek ricevis FISAIC-distingon*

kaj komisiitoj. Pri la plenumo de la IFEF-taskoj la redaktoro raportas en la periodaĵo Internacia Fervojisto n-ro 6. La estraro petas la landajn asociojn, la komisionojn kaj komisiitojn raporti dum la sekva kongreso pri la tempo-proporcia efektivigo de la taskoj.

La ĉefkomitatano detale raportis pri la situacio en kelkaj landoj, kaj konstatis, ke preskaŭ vana afero estas la streĉa agado sur tiu tereno, ĉefe pro la nepagado de la FISAIC-kotizo, kaj pro la senintereseco en tiuj landoj, kiuj ne estas membroj de IFEF. La kasisto kun ĝojo anoncis, ke fervojistaj esperantistoj aliĝis al IFEF el Israelo, Belgio kaj Svedio – kiel individuaj membroj – eĉ fondiĝis la Kuba Fervojista Esperanto-Sekcio.

La estraro dankas la agadon de Ernst Quietensky dum la lasta Universala Kongreso, kiu por la hanoja UK transprenis la postenon „Komitatano A", kaj sukcese gvidis la kontaktkunvenon, eĉ li partoprenis dum la oficialaj kunsidoj. La estraranoj esprimis maltrankviliĝon pro la multaj ekstereŭropaj kongresoj de UEA, ĉar tiel la nombroj de la partoprenantoj kontinue malaltiĝas.

La rilato kun FISAIC ne ŝanĝiĝis, ĉar kelkaj landaj FISAIC-organizoj tute ne subtenas Esperanton. S-ro Wallerand iomete detale konigis pri la lasta kunsido de la prezidio de FISAIC, kaj esprimis sian esperon, ke tiuj landoj – kiuj forlasis la organizon FISAIC pro financaj problemoj – revenos al tiu.

La estraro kun ĝojo konstatis, ke la kunlaboro kun SAT, UMEA, ISAE kaj ILEI bone evoluas.

Fine la estraro decidis pri la loko kaj dato de la printempa estrarkunsido, kiu okazos en Italio, en la urbo San Benedetto, kie la Itala Fervojista Esperanto- Asocio planas organizi la 66-an IFEF-kongreson en la jaro 2014.

Okazis ĝojplena evento dum la estrarkunsido, kiam la deputito de FISAIC transdonis la oran FISAIC-medalon al nia ĉefkomitatano Jindřich Tomísek. Li ricevis tiun distingon pro la entuziasma kaj senlaca agado kaj en la landa FISAIC-sekcio kaj sur la tereno de la Esperanto-movado. Ankaŭ ĉi tie mi gratulas al s-ro Tomísek en la nomo de la fervojista esperantistaro.

**István Gulyás**




Kogresnumero ..................

# ALIĜILO
## por la 65-a kongreso de IFEF kaj de UFE de la 04-a ĝis 11-a de majo 2013

"Rolo de la fervojoj en la disvolviĝo de la moderna mondo"

**LKK-adreso: AFCE, 7/9 rue de Château-Landon FR-75010 Paris (10)**
**Retadreso: jeanripoche@wanadoo.fr**

**Konto-nomo: AFCE Banko-nomo : Banque Postale**

**Bank-konto: 0521 435H020 Clé RIB 94**

**IBAN: FR 80 2004 1000 0105 2143 5H02 094 BIC: PSSTFR PPPAR**

**Mi aliĝas al la 65-a IFEF-kongreso en urbo Artigues-près-Bordeaux Francio**

IFEF-ano Jes ☐ Ne ☐ Viro ☐ Virino ☐
Familia nomo :..................................................................
Persona nomo :........................................................Naskiĝjaro:………....
Adreso: strato..............................................................................
Poŝtkodo, urbo:.........................................Lando:.........................
Telefono:.......................Fakso:............................Retadreso:.........................
Mi mendas jenajn noktojn kaj manĝojn (bonvolu kruci laŭ via deziro):

| Noktoj kun matenmanĝo | 3/4 | 4/5 | 5/6 | 6/7 | 7/8 | 8/9 | 9/10 | 10/11 | 11/12 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | | |

***Ĉambroprezo***: MPS*, Hotelo Quick Palace kaj Hotelo Formule Club sampreze (por unu persono kaj por unu nokto)

Unulita ĉambro:......44,00 € ☐
Dulita ĉambro:........26,00 € ☐
Trilita ĉambro:..... ..20,00 € ☐

Mi petas manĝon por
vegeteranoj ☐
diabetuloj ☐

Mi deziras loĝi kun:..........................................................................................
Mi konfirmas, ke mi konsentas kun la Ĝeneralaj instrukcioj presitaj en ĉi tiu aliĝilo, kaj aparte deklaras, ke mi havas san- kaj akcident-asekuron por mia restadtempo en Francio dum la 65-a IFEF-Kongreso.

Mi alvenos en la stacidomon de Bordeaux la........ .-an de majo je la……....-a horo.
Loko Dato Subskribo

* Kongresejo:Maison de la Promotion Sociale

| Manĝotagoj, | 3/5 | 4/5 | 5/5 | 6/5 | 7/5 | 8/5 | 9/5 | 10/5 | 11/5 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Tagmanĝoj (11€) | | | | | | | | | |
| Vespermanĝoj (11€) | | | | | | | | | |

| Kongreskotizo en Eŭroj | | Ĝis 31.01.2013 | poste | sumo |
|---|---|---|---|---|
| IFEF-membro | | 60 | 80 | |
| Familiano kaj junul(in)o ĝis 30 jaraj kaj loĝantoj el B-landoj laŭ UEA-difino | | 30 | 50 | |
| Ne IFEF-membro | | 75 | 95 | |
| Ĉambro-perado por aliĝilo | | 3 | | |
| Festa vespermanĝo antaŭ la balo | | 26 | | |
| Tagmanĝoj / Vespermanĝoj (11x...........) | | | | |
| Tranoktado laŭ elekto (minimume 1 nokto) | | | | |
| Libervola donaco al la kongresa kaso | | | | |
| **Proponataj vizitoj en Eŭroj** | | | | |
| Lundon | Bordozo per panoramobuso | 16,00 | | |
| | Bordozo piede | 5,00 | | |
| | La vino de Sankta-Emiljono | 20,00 | | |
| Mardon | Atlantiko, Arkaŝono kaj ĝia golfeto | 58,00 | | |
| | Markvezo, landezia ekomuzeo | 53,00 | | |
| Vendredon | La Citadelo de Blajo | 16,00 | | |
| | Bordozo per panoramobuso | 16,00 | | |
| | Bordozo piede | 5,00 | | |
| | Meblofabriko de Gerardo | 20,00 | | |
| Sabaton | Ŝipo sur Garono kun muzikgrupo “Kajto” | 51,00 | | |
| | Atlantiko, Arkaŝono kaj ĝia golfeto | 58,00 | | |
| **Sume en Eŭroj** | | | | |

**ĜENERALAJ INSTRUKCIOJ**

1. Ĉiu partoprenanto bonvolu plenigi kaj sendi apartan aliĝilon por la kongreso al adreso de LKK.
2. Sendu la pagon nur en Eŭro al la indikita bankkonto de la LKK. Oni traktos la aliĝilon nur post alveno de la pago.
3. Se vi pagas por alia persono, kiu nepre devas sendi apartan aliĝilon, menciu precizajn informojn pri la koncerna persono (nomo, lando, adreso).
4. Kongreskotizo neniukaze estas repagebla. La pagoj por la ceteraj servoj estas repageblaj post la depreno de 10% por administrado, kondiĉe ke LKK ricevis la malmendon antaŭ la l5-a de marto 2013.
5. LKK konfirmos la akcepton de ĉiu aliĝilo post la ricevo de la koncerna pago kun indiko de via kongresa numero kaj de ĉiuj antaŭmenditaj kaj antaŭpagitaj servoj.
6. LKK havas la rajtojn ŝanĝi la prezojn, se inflacio aŭ aliaj ne antaŭvideblaj kondiĉoj postulus tion.

# PROTOKOLO PRI LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO

## en la 64-a IFEF-kongreso en Herzberg (DE) 22.05.2012

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166)

### 1. Malfermo, konstato de la mandatoj

La Pr-ino Rodica Todor malfermas la kunsidon, salutas kaj bonvenigas la ĉeestantojn.

Ĉeestas la estraranoj:

| | | |
|---|---|---|
| Pr-ino | Rodica Todor | (RO) |
| Vp-ino | Sylviane Lafargue | (FR) |
| Sk | Vito Tornillo | (IT) |
| Ks | Laurent Vignaud | (FR) |
| Rd | István Gulyás | (HU) |

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn.

| Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Ernst QUIETENSKY |
| Belgio | BE | Clara BRA CKE |
| Bulgario | BG | Veselka KAMBUROVA |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřích TOMÍŠEK |
| Ĉinio | CN | Zuwu HAN |
| Danio | DK | Jan U. NIEMANN |
| Francio | FR | Jean RIPOCHE |
| Germanio | DE | Walter ULLMANN |
| Hispanio | ES | Martì GUERRERO |
| Hungario | HU | István SUTKA |
| Italio | IT | Romano BOLOGNESI |
| Kroatio | HR | Zlatko HINŠT |
| Norvegio | NO | Rolf BERGH |
| Pollando | PL | Wieslaw LIBNER |
| Rumanio | RO | Florin NEGREA |

Ĉeestas 15 voĉdonrajtaj k-anoj el 14 landoj

2. Ricevitaj telegramoj, leteroj.

La Ĉk laŭtlegas la salutleterojn de: Vinko Markovo, Prezidanto de la Plenum-Komitato de SAT; Barbara Pietrzak, Rd-ino de Pola Retradio; Carlo Sarandrea, Rd de Radio atikana; Maritza Gutierez, Rd-ino de Radio Havano Kubo, János Patay, Hm de IFEF; Jòzsef Cziboly, membro de la Redaktora Komisiono.

### 3. Honorigo al la mortintoj

La Sk legas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 63-a IFK-Liberec 2011 ĝis la 64-a IFK-Herzberg 2012. Oni honorigas ilin per unuminuta

| Lando | Antaŭnomo | Familia nomo | Naskiĝdato | Mortodato | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Peter | FELDHOFER | 21.07.1917 | 2011 | 94 | |
| Aŭstrio | Franz | MIKLAUTSCH | 03.12.1938 | 2011 | 73 | |
| Aŭstrio | Johann | NOVAK | 22.06.1935 | 2011 | 76 | |
| Aŭstrio | Josef | SCHALLAUN | 1923 | 21.03.2012 | 89 | |
| Aŭstrio | Franz | W IRTL | 17.09.1920 | 2011 | 91 | |
| Ĉeĥio | Ludvík | CHYTIL | 02.07.1929 | 23.5.2011 | 81 | Honora Membro de ĈEA |
| Ĉeĥio | Jiř í | PIŠTORA | 07.03.1931 | 12.11.2011 | 80 | Kunfondinto de Tutŝtata Ĉeĥoslovaka Fervojista Esperanta Asocio |
| Francio | Jean | ROLLAND | 10.05.1934 | 16.02.2012 | 76 | |
| Francio | Raymond | BESSON | 16.03.1945 | 09.02.2012 | 67 | |
| Francio | Roger | BLANQUET | 22.08.1921 | 03.09.2011 | 90 | |
| Francio | Annie | LE GUEN | ? | 10.06.2011 | ? | |
| Francio | Roger | VALLÉE | 16.08.1925 | .....02.2012 | 87 | |
| Francio | André | HERVOUET | 09.01.1920 | 23.03.2012 | 92 | |
| Hungario | Imre | NOVÁKI | 05.11.1924 | 05.02.2011 | 87 | |
| Japanio | Tarou | HORIO | 1920 | 17.09.2011 | 92 | |
| Italio | Giorgio | BARELLI | 1914 | 24.08.2011 | 97 | |
| Italio | Giovanni | MARCHIORI | 1917 | 22.12.2011 | 94 | IFEA e-ano |
| Italio | Enrico | MOLESINI | 30.06.1934 | 16.02.2012 | 78 | IFEA e-ano, Vp. 45-a IFK Ĉervia |
| Rumanio | Andrei | DUMITRU | 1933 | .....11.2011 | 78 | |
| Serbio | Gvozden | SREDIC' | 18.11.1935 | 09.10.2011 | 76 | Honora membro de IFEF |

silenta starigado; ke ili ripozu pace.

### 4. Estraranaj raportoj

#### 4.1. Sekretario

La Sk legas la resumon de la raporto aperinta en la n-ro 2012.4 de IF.

Unuanime aprobita.

**4.2. Redaktoro**

Raporto aperis en la n-ro 2012.2 de IF. Unuanime aprobita.

La Rd iom plendas pro la manko de artikoloj kiuj ne alvenas el la plej parte de niaj l.a., kelkaj alvenas, sed estas malfacile uzeblaj. Li informas, ke denove ni havos ses numerojn de IF sen altigo de la kostoj; li koplodis trovi novan presejon, kiu donis favoran prezon.

**4.3. Kasisto**

La Ks legas la buĝeton (aperinta en la n-ro 2012.2 de IF). Li klarigas ankaŭ pri eraro aperinta en tabelo en IF, rilate al la fonduso starigita post la malfondo de la slovaka asocio SAFE, kaj skribita dufoje kiel SAEF fonduso ( la svisa asocio) anstataŭ la slovaka asocio. La nura rimarko estas, ke la kotizoj iom malkreskis pro la malaltigo de la membroj. Unuanume aprobita.

**5. Protokoloj de la 63-a IFK Liberec (CZ)**

Senditaj al k-anoj, unuanime aprobitaj.

La LKK prezidanto, Ladislav Kovář raportas pri la rezulto de la kongreso kaj dankas ĉiujn kunlaborantojn. La FISAIC sekcio donis al kelkaj el ili dankdiplomon pro la flanka helpo.

**6. Raporto de la ĉefkomitatano**

Ĉk legas la raporton. Unuanime aprobita.

**7. Kongrespropono(j)**

**7.1. Elekto de ĉefkomitatano kaj anstatŭanto.**

Post demisioj de ambaŭ ne venis aliaj kandidatoj. Oni refoje proponas la Ĉk Jindřích Tomíšek. Elektita unuanime. Por la anstataŭanto de la Ĉk, REFA proponas la k-gon Florin Negrea, kiu estas unuanime elektita.

**7.2. Propono de GEFA (2011):**

Ŝanĝo de la regularo de la statuto de IFEF (VIII, Kongresa Regularo, punkto 16) pri la tranoktadkostoj de la e-o, Ĉk kaj funkciuloj de la TK. Dum la nepublika kunsido estis provizore unuanime aprobita la varianto prezentata de ĈeFEA: “ekde la ofic-periodo 2014 al la funkciuloj, kiuj rajtas senpagajn tranoktadojn dum la kongreso, ricevos hotelajn kostojn proporcie al la nombro de la pagantaj aliĝintoj ĝis 100 tri noktojn, ĝis 150 kvar noktojn, post 151 kvin noktojn“.

Hp Bolognesi kune kun aliaj membroj, aplike de tiu neceso kaj principo, prilaboris la modifon kaj prezentas alian tekston, taŭga por modifi la regularon.

Esence: la LKK repagu parte la tranoktadkostojn proporcie, t.e. progrese, laŭ la nombro de pagitaj kotizoj oficiale anoncitaj de la LKK mem dum la

nepublika komitatkunsido. Kalkulbazo estu la plena kongreskotizo por la IFEF-membroj ĝis la fino de la unua kotizperiodo, tiel ke: je 100 pagitaj kotizoj oni kalkulu 2-oble tiom, je pli aŭ malpli ol 100, la sumo estu laŭgrada, kun rondigo je 10 €.

Post longa diskutado kaj klarigoj, kaj alia propono de Wieslaw Libner kalkuli procenton de la totala sumo de la pagitaj kotizoj, la GEFA-j k-anoj, ne komprenante la proponitajn kalkulojn, fermas la diskutadon, ili ne akceptas la modifajn aplikojn kaj postulas la voĉdonon de la origina GEFA-teksto. La Prino reprenas la parolon kaj invitas la k-on al voĉdono, kies rezulto estas 5 por, 10 kontraŭ, neniu sindeteno. La propono de GEFA ne estas aprobita. La komitato proponis denove trakti la temon en la sekva IFK, kaj tie findecidi.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**8.1 Gvidanto**

Jan Niemann prezentas la Fervojfakan Kajeron n-ro 20. Ankoraŭfoje la FK sukcesis pretigi ĝin por la kongreso. La funkciuloj de FK pretas reelektiĝi: gvidanto Jan Uldal Niemann; Sk TS kaj Rd de TeKu Heinz Hoffmann; Sk FAS Ladislav Kovář.

Nia FK partoprenos (kiel gastoj unuopaj) en la granda transportfoiro INNOTRANS en Berlino en septembro 2012. Unuanime aprobita.

**8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**

Ladislav Kovář parolas pri la agado de la pasinta jaro: Malgranda grupo de aŭstraj kolegoj sub gvido de Martin Stuppnig vizitis en junio 2011 la Fervojan foiron Czech Raildays en Ostrava. Dum la konferenco de Ĉeĥa Fervojista Esperanta Asocio en Rakovník estis prezentitaj prelegoj pri la foiro en Ostrava 2011, kaj fervoja muzeo en Lužná u Rakovníka. La enhavo de la FFK n-ro 20 prezentas prelegojn el la pasinta kongreso en Liberec kaj estis kompletigitaj per artikoloj de Lene Niemann kaj Jindřich Tomíšek. La ĉefan prelegon preparis kolegoj el Danlando kaj Germanio. 8 fakaj prelegetoj estos prezentitaj. Unuanime aprobita.

**8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**

Heinz Hoffmann parolas pri la novaj terminoj: En la terminaro de Internacia Fervojunio *UIC* aktuale troviĝas 1.612 difintekstoj tradukitaj en Esperanton. Nia Faka Komisiono ricevis 1 senpagan *CD-ROM-diskon RailLexic 4* kun nun 24 lingvoj - 5 pli ol antaŭe. Reta versio de ĝi ekde unu jaro funkcias. Jam ekde aprilo funkcias reta versio de la Plena Ilustrita Vortaro PIV. Pri RailLex, oni

povas uzi la vortaron en reto senpage. Unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

**9.1 Komitatano „A" de IFEF ĉe UEA.**

La Vp-ino raportas pri la agado dum la 96-a UK en Kopenhago. En la venonta UK en Hanojo ŝi ne partoprenos, do ŝi, resp. IFEF delegas la k-anon Ernst Quietensky reprezenti IFEF-n, ankaŭ dum la komitatkunsido. Unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj 2011 el la landaj asocioj**

Ĝis nun ne ĉiuj l.a. sendis la jarraporton. Resumo pri tiuj aperos en la venonta IF. Unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

La Ĉk raportas, ke en kelkaj landoj la situacio ne estas bona, sed oni esperas, ke kun la helpo de la junaj l.a., kiel Ĉinio kaj eble Kubo, ĝi pli boniĝos, kaj ke ili instigos la aliajn al agado. Laŭ la Rd ni devas agi sur du flankoj, novaj asocioj kaj pliboniĝo de la agado en la nunaj l.a. Klare ŝajnas, ke mondskale la esperantistaro maljuniĝas. La Pr-ino diras ke ne maljuniĝas la esperantistaro, ĉar se oni rigardas aliajn komunikad-rimedojn estas videble, ke multaj junuloj aliĝas al tiuj retaj komunikiloj. Unuanime aprobita.

**12. Buĝeto 2013, kaj kotizkonfirmo**

Ne okazos ŝanĝoj, ankaŭ la kotizo restos la sama. La komitato traktis kaj akceptis la buĝeton 2013. Unuanime aprobita.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj: UEA, FISAIC, ILEI, SAT, UMEA, ISAE.**

**13.1 UEA**

Dum la Universalaj Kongresoj IFEF aktive kunlaboras kun aliaj fakaj asocioj precipe kun UMEA, ILEI, ISAE, SAT.

**13.2 FISAIC**

Dum la pasinta jaro ne okazis interrilatoj; eĉ neniu respondis al la invito por la ĉeesto en la inaŭguro de nia kongreso, kvankam la Pr Gieres estis invitita persone de nia Pr-ino dum la kongreso en Liberec. Tiam li promesis ĉeesti.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 65-a IFK en 2013**

FFEA prezentas la proponitan urbon: Artigues-près-Bordeaux, de la 4-a ĝis la 11-a de majo 2013; la kongreso estas kune organizita kun la Franca Esperanto-Asocio, UFE. Unuanime aprobita.

**14.2 Elekto de lando por la 66-a IFK en 2014**

Neniu sin proponas.

**14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj**

2015: Ĉinio sin proponas.

**15. Eventualaĵoj**

Neniu petas la parolon.

**16. Libera diskutado**

Nenion. Manke de aliaj intervenoj, la Pr-ino fermas la kunsidon.

# Alvoko al IFEF- retlisto !

Pri la IFEF-retejo <www.ifef.net>, vi jam sciis, ĉu ne? Sed ĉu vi scias, ke jam plurajn jarojn ekzistas ankaŭ **IFEF-retlisto**? Se vi posedas retpoŝt-adreson, jen kiel fari por aliĝi. Facilas :

**1-a etapo :** Plej simple oni sendu mesaĝon al:
<ifefubscribe@yahoogroupes.fr>

La titolo kaj enhavo de la mesaĝo tute ne gravas, oni skribu ion ajn aŭ eĉ nenion.

**2-a etapo :** Vi ricevos aŭtomatan mesaĝon
el la sendinto : *„Yahoo! Groupes“*
kun titolo : *Demande de confirmation d'inscription à ifef*
kun enhav-komenco : *Bonjour, Nous avons reçu votre........*

**3-a etapo :** Respondu la ricevitan mesaĝon, vi ne bezonas ion skribi. Simple uzu vian kutiman butonon „respondi“ kaj poste la butonon sendi“.

**4-a etapo :** Post kelkaj minutoj aŭ post kelkaj horoj, vi ricevos 1 aŭ 2 mesaĝojn.
La titolo(j) estas pli-malpli tio :
*Yahoo! Groupes=?ISO-8859-1?Q?=A0?=: Bienvenue...*
kaj : *Inscription au groupe ifef approuvee*

Estas nenio por fari : tiu(j) mesaĝo(j) nur konfirmas, ke vi iĝis membro de la retlisto „IFEF“

Tiam, vi jam povas mesaĝi al ĉiuj listanoj : <ifef@yahoogroupes.fr>.

En julio 2012, en la listo membris nur ĉirkaŭ 35 personoj. Tio estas kvazaŭ nenio, kompare kun tuta membraro de IFEF. Pro tio ĉiuj legantoj estas kore invitataj aliĝi... kaj diskonigi la eblecon al ĉiuj siaj konatoj esperantistoj fervojistoj aŭ/kaj fervoj-amikoj. Ju pli multnombraj estos la listanoj, des pli eblos interesaj interŝanĝoj.

Por iu ajn demando, bonvolu turniĝi al mi <laurent.vignaud@free.fr>
Ĝis baldaŭ en la listo!

**Laurent Vignaud**
(IFEF-kasisto, administranto de la retlisto)

# ENHAVTABELO POR LA JARO 2012

## IF 2012.1



## IF 2012.2



## IF 2012.3



## IF 2012.4



## IF 2012.5



## IF 2012.6

# Grava alvoko

**La LKK de la 65-a IFEF-kongreso atentigas la aliĝontojn al la kongreso atente plenumi sian aliĝilon, kaj precize indiki sian elekton rilate al eksursoj. Atentu pri la fakto, ke pluraj ekskursoj okazos samtempe. Bonvolu kruci nur unu ekskurson el pluraj okazontaj samtempe.**

**Alia informo: Pri la ekskurso en Arkaŝono kaj la golfeto okazonta mardon kaj sabaton, pro la limigo de sidlokoj en la restoracio kaj en la ŝipeto, nur 50 personoj povos partopreni samtempe. Se vi deziras elekti tiun ekskurson, bonvolu frue aliĝi.**

**LKK**

# Ni jubileas kaj gratulas



La 18-an de aŭgusto ĝisvivis sian vivjubileon 90 jarojn nia longjara membro kaj aktivulo František Strumínský. Li aktivis en la reaktiviĝinta ĉeĥoslovaka fervojista movado ekde 1965, en kelkjara periodo li funkciis eĉ kiel prezidanto de la tiama Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto Asocio ĝis sia malsaniĝo kaj operacio en 1988, tamen eĉ poste li restis aktiva membro de FS ĈEA kaj ĝis nun interesiĝas pri agado de ĈeFEA kaj IFEF. Li estis ankaŭ honorigita per titolo Honora membro de ĈEA. En la jubilea tago vizitis lin niaj delegitoj Ladislav Kovář kaj Anna Abelovská, ili transdonis gratulojn kaj bondeziron de plua sana kaj vigla vivo inter ni.

En la sama monato, 07. 08. 2012 ĝisvivis sian 89-jaran vivjubileon Květuše Kafková, kaj 16. 08. 2012 ĝisvivis la saman 89-jaran vivjubileon Svatava Helmeczyová, ambaŭ kelkjardekaj viglaj aktivulinoj de la iama FS ĈEA kaj poste ĈeFEA kaj IFEF. Ankaŭ al ili ambaŭ ni tutkore deziras sanon kaj viglan plian vivon inter ni.

**ĈeFEA**

# Ĝojplena anonco

En la 21-an de julio 2012 fondiĝis la Kuba Esperanta Fervojista Sekcio (KEFS) en la kadro de la Kuba Esperanto Asocio.
La membroj de tiu Sekcio elektis estraron, en kiu la prezidanto estas s-ro Geomar Martinez Perez, la vicprezidanto estas s-ro Javier Ramos Nistal, kaj la aktivulo estas s-ro Miguel Angel Gonzales Alfonso.
En la nomo de la fervojistaj esperantistoj, kaj speciale de la estraro de IFEF mi gratulas al la fervojistaj esperantistoj en Kubo, kaj mi deziras al ili sukcesan agadon.

**István Gulyás**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:**
Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu“
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al**
**„Laurent Vignaud“**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Misztótfalusi Nyomdaipari Kft.
Hungarlando

**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„kovar.lad@email.cz“

# HEINZ SCHINDLER
## 19.08.1920 — 27.09.2012



La Germana Esperanta Fervojista Asocio ĉagrene anoncas, ke Heinz Schindler en sia 92-jara aĝo mortis.

Kiel mezlernejano li interesiĝis pri la internacia lingvo Esperanto en Meißen. Post la fino de lernejaj studadoj li dungiĝis ĉe la Germana Fervojo en sia hejmurbo. Pli poste en 1946 li transloĝiĝis al la okcidentgermana urbo Schwelm, kie li daŭrigis sian studadon pri Esperanto. En 1954 li edziĝis.

Li membriĝis al GEFA en la jaro 1959, ankaŭ al IFEF, UEA kaj IPTEA. De tiu tempo kun sia edzino Hanna la Esperanto plenumis ilian tutan vivon, ja ili partoprenis preskaŭ ĉiujn IFEF-, kaj UEA-, eĉ IPTEA-kongresojn – ja lia edzino estis poŝtoficistino. Ili traveturis kvazaŭ la tutan mondon de Tokio ĝis Korea Respubliko, de Budapest tra Urugvajo ĝis Argentino. Ĉiukaze li verkis raporton, artikolon al ĵurnaloj pri la travivaĵoj dum la internaciaj kongresoj, aranĝaĵoj. Lia edzino Hanna 25-foje finance subtenis kongresanojn (ekz. tiujn el Brazilo, Rusio, Bugario, Hungario). Ili ambaŭ kune partoprenis pli ol 60 kongresojn kaj jarkunvenojn, li mem en pli ol 115, el tiuj pli ol 25 UK kaj IFK.

Li subtenis finance multajn Esperantajn organizojn, gazetojn en Ĉinio, Hungario, Bulgario; kaj subtenis multajn grupojn kaj personojn el pli ol ok landoj. Li ne nur finance subtenis multajn esperantistojn, sed same multajn ili gastigis en sia hejmo.

Malgraŭ la abundo de ilia riĉeco, tamen ili vivis modeste en malgranda loĝejo. Ili tenis en sekreto liajn donacemojn kaj bonfaremojn. En 1999 UEA honoris lin per 'Premio Deguĉi', li estis Honora Membro de IFEF, same tiu de GEFA.

La forpaso de Heinz Schindler estas granda perdo de la Esperanto-movado.

Kara Heinz! La esperantistaro konservas vian memoron. Dio benu vian eternan ripozon!

**Fervojista Esperantistaro**